43a Jaro - N-ro 1a - Februaro 1951

# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO, OFICIALA ORGANO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA



Asocio sen profita celo, aliĝanta al UNIVERSALA ESPERANTO - ASOCIO

SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, BRUSELO
Respondeca redaktoro : D-ro P. Kempeneers.



Notre planète ne sera plus hypertendue lorsque tous les hommes parleront l'ESPERANTO.

Nia planedo ne plu estos
hiperstreĉata kiam
ĉiuj homoj parolos...

Esperanto

Onze planeet zal niet meer overspannen zijn als alle mensen ESPERANTO spreken.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Poŝtĉekkonto 1337.67, Bruselo.*

---

TARIFO DE LIBROJ KAJ PROPAGANDILOJ

| | |
|---|---|
| *Esperanto, langue auxiliaire internationale*, lernolibro de Edmond Privat ... ... fr. | 15.— |
| *La Mortado*, parolado de Prof. D-ro Hermann Nothnaegel, tradukita B. Seltzer ... ... | 15.— |
| *Bonhumoro*, de Paul Nyssens, laŭ lia franclingva libro ... ... ... ... ... ... ... | 35.— |
| *Komercaj leteroj*, de C. A. Pruissen ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 14.— |
| *Interlingvistiko kaj Esperantologio*, de W. Manders ... ... ... ... ... ... ... ... | 30.— |
| *Invito al ĉielo*, de James Sayers ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 65.— |
| *Medicina Vortaro*, de Briquet ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 100.— |
| *Esperanto, langue des Nations Unies*, 10 ekz. ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 1.50 |
| *Esperanto en un coup d'œil*, 100 ekz. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 25.— |
| *Esperanto in een oogslag*, 100 ekz. ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 25.— |
| *Essor de l'Esperanto* (franclingva), 4-paĝa grand-formata gazeto, ĵus aperis n° 6, po ekz. Restas ankoraŭ kelkaj numeroj 1, 3, 4 kaj 5. | 2.— |
| Abono al *Franca Esperantisto*, po jare ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 50.— |

*Feuillets encyclopédiques de documentation espérantiste* :

Ni altiras la atenton de niaj legantoj pri tiu tre interesa publikaĵo. Ĝi aperas regule; ĉiu kajero aldoniĝas al la antaŭaj por formi dokumentaron nepre necesan al ĉiu kiu interesiĝas pri nia movado kaj volas ĝin propagandi kun celtrafaj argumentoj.

La enciklopedio estas franclingva. Jam aperis 11 kajeroj. La nuna prezo estas 350 b. fr.

# BELGA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

43a Jaro | Februaro 1951 | N-ro 1a

## PROGRESO

Ni prezentas nian gazeton kun nova vestaĵo, kiu sendube plaĉos al niaj legantoj.

Ĝi estas pruvo ke nia Ligo antaŭeniras, kaj ni esperas ke la nuna jaro permesos ĝin ankoraŭ plibonigi.

Por tio ni bezonas la subtenon de ĉiuj. Granda parto de la lastjara membraro jam repagis sian kotizon; pluraj novaj membroj jam aliĝis, kaj tio donas al ni bonan perspektivon por la nova jaro.

La nuna numero de la gazeto estas sendata al ĉiuj membroj por 1950. Tiuj, kiuj ankoraŭ ne repagis, bonvolu tion fari senprokraste, sen alia admono. Ili faciligos la administran laboron de la Ligo.

Kiel rezulto de la proponoj, akceptitaj en Spa, pri starigo de Junulara sekcio, ni decidis disponigi al tiu ĉi spacon en nia gazeto. S-ro Verdier gvidos tiun rubrikon, interkonsente kun la junuloj en aliaj urboj.

Ni havas bonan esperon ke la junulara sekcio formos la kernon de la novaj fortoj, kiuj baldaŭ povos anstataŭigi la nunajn maljuniĝantajn gvidantojn.

Ni fidas al la helpo de ĉiuj belgaj esperantistoj por ke, dank'al ili, 1951 estu por ni nova jaro de progreso. P. K.

---

## 35a Belga Kongreso de Esperanto

**Bruselo, 12a ĝis 14a de Majo 1951.**

*« Unu Belga nacio - unu nacia Ligo - unu Belga Kongreso. »*

La loka Kongresa Komitato preparas programon, kiu certe plaĉos al la partoprenantoj.

La sukceso estas certigata ĉar pli ol 65 kongresanoj jam enskribiĝis sin. La liston ni publikigas ĉi sube.

Por helpi la L.K.K. tiuj, kiuj ĝis nun ne aliĝis, bonvolu tion fari senprokraste, pagante 50 fr al la poŝtĉekkonto n-ro 3766.98 de Belga Kongreso de Esperanto, 19, avenue Montjoie, Bruxelles. Post Pasko la prezo estos 60 fr.

La kompleta programo kaj la necesaj aliĝiloj troviĝos en la venonta numero, kiu aperos je la komenco de Aprilo.

---

Articles en français et en flamand, pp. 5-8

Artikels in 't Nederlands en in 't Frans, blz. 5-8

## Unua listo de Kongresanoj.

1. S-ro J. DESONAY (Spa). — 2. D-ro P. KEMPENEERS (Bruselo). — 3. S-ro M. JAUMOTTE (Antverpeno). — 4. S-ro A. TASSIN (La Louvière). — 5. S-ro Ch. POUPEYE (Brugô). — 6. F-ino J. NACHTERGAELE (Gento). — 7. S-ino A. GRUSLET (Gento). — 8. F-ino S. OBOZINSKI (Bruselo). — 9. S-ino H. SCHOOFS (Antverpeno). — 10. S-ino D. KEMPENEERS (Bruselo). — 11. S-ino J. DE HONDT (Antverpeno). — 12. S-ino M. JAUMOTTE (Antverpeno). — 13. F-ino M. KESTENS (Bruselo). — 14. S-ino F. STAES-VANDEVOORDE (Bruselo). — 15. S-ro A. DE MAERTELAERE (Gento). — 16. S-ro H. CASTEL (Bruselo). — 17. S-ro R. CURNELLE (Marcq-en-Barœul, Francujo). — 18. S-ino M. CURNELLE-DECOCK (Marcq-en-Barœul, Francujo). — 19. S-ino G. POUPEYE (Brugô). — 20. S-ino E. STAES (Bruselo). — 21. S-ino J. PLYSON (Bruselo). — 22. F-ino M. JACOBS (Borgerhout). — 23. S-ino L. CASTEL (Bruselo). — 24. F-ino J. LOQUET (Wilrijk). — 25. S-ro L. VAN WASSENHOVE, (Brugô). — 26. S-ino M. VAN WASSENHOVE (Brugô). — 27. F-ino Y. POUPEYE (Brugô). — 28. F-ino M. J. DE CORTE (Brugô). — 29. F-ino G. DE CORTE (Brugô). — 30. S-ro H. VAN ROYE (Heule). — 31. S-ino M. VAN ROYE (Heule). — 32. S-ino E. LEFEBVRE-JANSSEN (Bruselo). — 33. S-ino R. LECAT (Antverpeno). — 34. S-ro J. VERDIER (Bruselo). — 35. S-ino J. TASSIN (La Louvière). — 36. S-ro M. GUYOT (Cheratte). — 37. S-ino E. ERNST (Bruselo). — 38. S-ro D. VAN DER STEMPEL (Bruselo). — 39. S-ino R. VAN DER STEMPEL (Bruselo). — 40. S-ro R. JAUMOTTE (Wilrijk). — 41. F-ino M. HOFKENS (Antverpeno). — 42. F-ino H. HOFKENS (Antverpeno). — 43. S-ino L. MERCKX-HERINCX (Borgerhout). — 44. F-ino F. MEULEMANS (Wilrijk). — 45. S-ino H. TOUSSAINT (Antverpeno). — 46. F-ino E. DE WINTER (Antverpeno). — 47. S-ro H. DE HONDT (Antverpeno). — 48. F-ino E. TOUSSAINT (Deurne). — 49. F-ino M. WILLEMS (Brugô). — 50. S-ro R. DE KEGEL (Koroloregô). — 51. F-ino E. NACHTERGAELE (Gento). — 52. S-ro J. VERSTRAETEN (Hoboken). — 53. F-ino Y. VAN PARYS (Sint-Andries). — 54. S-ro C. POUPEYE (Brugô). — 55. S-ro C. PIRON (Namur). — 56. S-ro J. DERKS (Lustin). — 57. S-ino P. DERKS (Lustin). — 58. S-ro J. OLEFFE (Bruselo). — 59. F-ino M. OLEFFE (Bruselo). — 60. F-ino L. PLYSON (Bruselo). — 61. S-ro H. SCHODDUYN (Bruselo). — 62. S-ino M. STERN (Bruselo). — 63. F-ino M. DE BAETS-HUYGHE (Brugô). — 64. S-ro G. VAN DEN BOSSCHE (Antverpeno). — 65. S-ro G. GROOTHAERT (Brugô). — 66. S-ino J. GROOTHAERT (Brugô).

## REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA A. S. P. C.

La *administrantaro* kunsidis la 28an de Januaro 1951.

*Financoj.* — Ĝi ekzamenis la kalkulojn, kiuj favore saldiĝis. Post aprobo de la komisaroj, ili estos prezentataj al la Ĝenerala Jara Kunsido.

*Ĝenerala Kunsido.* — Ĝi okazos sabaton la 14an de Aprilo, je 14.15, Grand Sablon, 38, Grote Zavel, en Bruselo.

Laŭ la membro-nombro je fino de 1950, la grupoj en Antverpeno, en Brugô kaj en Bruselo rajtas prezenti po du administrantojn, la grupo en Gento unu. Unu administranto reprezentos la izolulojn.

*Belga Esperantisto.* — La gazeto estos eldonata en pli bela aspekto. Varbado de anoncoj estas rekomendata.

*Vojaĝo Lapenna.* — P-ro Lapenna parolos en Bruselo la 2an kaj en Antverpeno la 3an de Marto.

*Oratora Konkurso.* — La grupoj estas petataj organizi oratoran konkurson inter siaj junaj membroj. La grupaj laŭreatoj estos prezentataj en la Nacia Kongreso kiu elektos la plej bonan; li ricevos premion.

Venonta kunsido de la administrantaro okazos la 10an de Marto.

La protokola Sekretario, J. VERDIER.

# Honorigo de S-ro Georges VAN DEN BOSSCHE

Pro nova aranĝo de la laboro kaj la forigo de la funkcio de Ĉefdelegito de U.E.A. en Belgujo, S-ro Georges Van den Bossche, de nun, plenumos sian taskon en intima kunlaborado kun nia Ligo; kaj la estraro de « La Verda Stelo » decidis kapti la okazon de la jarfesteno de la grupo por speciale honorigi la estintan ĉefdelegiton.

Kvindeko da gefestenontoj, membroj de « La Verda Stelo » kaj de la Brusela Grupo, kiuj dekduope vojaĝis Antverpenon, kunvenis sabaton la 15an de Januaro en la belega restoracia salono de la moderna Aviadila Stacio de la havenurbo.

Salono kaj tabloj eestis ricevintaj ornamigon kaj belege presitaj menukartoj vokis la atenton jam ĉe l'eniro ; same kiel, iom poste, la bongustaj manĝaĵoj kontentigos ĉiujn ŝatantojn de reviglígiloj ĉiuspecaj : francmodaj antaŭmanĝaĵoj, supo, salmo kaj viando, glaciaĵo kaj bonaj vinoj.

Car la bruselaj geamikoj devis forlasi la feston jam iom frue, la paroladoj ne atendis ĝis la deserto : S-ro Jaumotte bonvenigis la bruselanojn kaj la verdstelanojn; diris sian ĝojon revidi, post unu jaro, tiom da simpatiaj vizaĝoj ĉe la festentablo kaj sian fieron pro la plena reviglígo de la grupo.

Poste, li honorigis S-ron Van den Bossche, kiu estas ne bruema, ne parolema homo, sed silenta, daŭra kunlaboranto en ĉiuj fakoj de la movado : ne nur en U.E.A., sed en la grupo mem kaj tutspeciale ankaŭ en « Belga Esperanto-Instituto », kiu ne plu vivus, seu la obstina en-ombra, sed vigla flegado de nia amiko Georges.

Li havigis al la festito, kun bela leda paperujo, Esperanto-libron en kiu ĉiu partoprenontoj subskribis.

S-ino Schoofs transdonis ankoraŭ, kun siaj propiaj gratuloj, belan japanan « ĝardenelon » kaj tiam estis la vico de D-ro Kempeneers por gratuli la eksiĝintan ĉefdelegiton, unue, kiel prezidanto de la Brusela Grupo; poste,kiel prezidanto de Belga Ligo kaj, fine, kiel vicprezidanto kaj funkcianta prezidanto de U.E.A. Li diris plej korajn vortojn kaj legis ankaŭ leteron de S-ro Goldsmith, kiu atestis pri la esceptaj kvalitoj de la festito en la plenumo, dum multaj jaroj, de la grava tasko de ĉefdelegito.

Nome de la Karloreĝa Grupo, S-ro De Kegel, kiu faris la longan vojaĝon, ankaŭ diris gratulvorton kaj tiam la prezidanto ankoraŭ legis aliajn gratulleterojn kaj telegramojn, inter kiuj ni aparte citu tiun de S-ino Maria Elworthy-Posenaer.

La festito, proksimume jene, esprimis sian dankon pro la honorigo :

« Estis preskaŭ kontraŭvole kaj por kontentigi mian fratinon, ke mi, antaŭ multaj jaroj jam, iris al Esperanto-kurso, por kiu mi preskaŭ nenion faris. Se mi sukcesis en la ekzameno, — cetere ne tre brile — tio estas certe, pro la facileco de la lingvo, sed ankaŭ dank'al kaj pro la bonaj lecionoj de mia profesoro S-ro Faes.

» Baldaŭ S-ro Schoofs interesigis min al etaj kaj plej diversaj laboroj en sia grenejo, kie mi ofte laboris ĝis post noktmezo kaj tiel la lingvo komencis plaĉi al mi pli kaj pli. Kun sia multnombra tiutempa membraro, la grupo bezonis, krom kasisto, ankaŭ helpkasiston por enkasigi la kotizojn kaj estas, irante de domo al domo, dirante kelkajn vortojn al ĉiuj, ke mi pli funde lernis Esperanton kaj ke mi baldaŭ iĝis vera Esperantisto, kiu ŝatas labori por sia idealo, kiu tion daŭrigos ĉiam per ĉiuj siaj fortoj kaj kiu konsideras ke tio ne meritigas al li laŭdojn, nek laŭrojn. »

Tiu elvoko el fora estinteco multe plaĉis al la malnovuloj kaj montris la vojon al la novuloj. Tial longa aplaŭdo sekvis la dankvortojn al ĉiuj, per kiuj finiĝis la konfeso de la festito.

Kaj post tiu aplaŭdo kaj multaj personaj gratuloj, ĉiuj ankoraŭ longtempe kunrestis, ĉe agrabla dancado.

Estis bela festo, pri kiu ne nur S-ro Van den Bossche, sed ĉiuj partoprenintoj konservos plej fidelan memoron.

M. J.

# BIBLIOGRAFIO

DANLANDO. — Faldprospekto eldonita de Turista Asocio de Danlando. Bele ilustrita, donas praktikajn informojn pri vojaĝoj en Danmarko; enhavas ankaŭ grandan turistan karton de la lando. Senpage havebla de *Turistforeningen for Danmark*, 8, *Bernstorffsgade*, *Kopenhago V.*

BONVENON AL KOPENHAGO. — Faldsprospekto donas detalajn informojn por turistoj kiuj vizitas la ĉefurbon; enhavas malgrandan planon de la centra parto de la urbo kaj planon de la tramlinioj. Senpage havebla de *Turistforeningen for Danmark*, 8, *Bernstorffsgade*, *Kopenhago V.*

KULTURA REVUO, eldonita de Komisiitejo por informoj kaj klerigo, eksterlanda sekcio, Bratislava (Ĉehoslovakujo), havigas informoj pri slovaka kulturvivo.

KONSUMKOOPERADO. — Sveda koopera Federacio eldonis 20paĝan broŝuron titolitan « La konsumkooperado kaj la ekonomia vivo en Svedujo ». Bele illustrita, tiu broŝuro montras la disvastiĝon de la konsumkooperaj societoj en tiu lando. La unua organizo estis fondata en 1851 kaj fine de 1948 funkciis 7.492 butikoj en la tuta lando. Nur en Stockholmo, oni kalkulas ĉirkaŭ 132.900 kiuj povas aĉeti en pli ol 850 diversaj butikoj de la konsumsocietoj, kiuj vendas ĉefe nutraĵon (spicaĵojn, viandon, panon, lakton, legomojn, fruktojn), sed ankaŭ mastrumilojn, vestojn, laborilojn, varojn por la terkulturado, sterkon kaj furaĝavarojn. Interesuloj ricevos la broŝuron senpage, petante ĝin al Kooperativa Federacio, Stockholm 15, Svedujo.

BADEN POWELL BELGIAN SCOUTS (Belga Skolta Movado). — Sekretariejo : 11, Philomenastraat, Antwerpen. — Ni ricevis la cirkuleron n-ro 7 de la Esperanto sekcio de tiu organizaĵo. Ĝi anoncas Esperanto ekspozicion en Herenthals la 5an de Februaro 1950 ĉe Sankta Jozefo Kolegio.

— *Jarlibro de U. E. A.*, 1950, 2a parto. — Enhavas liston de la nova komitato de U. E. A., raportojn de la Estraro, la financan raporton de la Akademio, kaj la 2an parton de la Marista Terminaro.

Tiel, iom post iom eldoniĝas serio da fakaj terminaroj, kiuj permesas novajn aplikojn de nia lingvo sur la praktika kampo.

En la antaŭparolo, la Ĝenerala Sekretario anoncas aperon de la Jarlibro 1951 jam en Januaro. Por ĝin ricevi senprokraste, estas do konsilinde jam nun repagi la kotizon almenaŭ kiel M. J. (vidu tabelon sur la lasta paĝo).

— *Le sentier bouddhique*, n-ro 5a, 1950. — Petu specimenon de S-ro M. Kière, 64, rue Branche, Ans (Liège), kiu ankaŭ eldonas esperantlingvan bultenon « La Dharmo ».

— En *Le Matin* (Antverpeno) de 4-5 Novembro 1950, S-ino Elworthy-Posenaer publikigis tradukon de la artikolo de D-ro Solzbacher, priskribante la transsendon al U. N. O. de la petskribo aranĝita de U. E. A. Dankon kaj gratulojn.

— En *Revue de l'Efficience*, Novembro 1950, p. 671, duonkolona artikolo « Ĉu vi komprenas Esperanton ? » aperigita dank'al nia malnova amiko P. Nyssens. Dankon kaj gratulojn.

---

# NOVAJETOJ

FRANCUJO. — La Esperantista Grupo de Parizo festas la 50a datrevenon de sia fondiĝo, okazinta la 15an de Novembro 1900, laŭ iniciato de S-ro Gaston Moch, patro de la nuna franca Ministro pri Nacia Defendo. Gratulojn !

---

# ESPERANTISTOJ !

**Ĉie kaj ĉiam parolu nur Esperanton inter vi ! Vi tiel faros utilan propagandon inter la publiko.**

## ESPERANTO IS EEN LEVENDIGE TAAL

(Uit *Inleiding tot Esperanto*, van Rollet de l'Isle, uit het Frans vertaald door Maur. Jaumotte.)

Esperanto beantwoordt aan alle voorwaarden die door de nu levende talen worden vervuld. Het wordt, zoals men weet, gebruikt in alle takken der intellectuele en materiële bedrijvigheid, en het kan aangevuld worden en evolueren volgens wel bepaalde regels, om al de begrippen uit te drukken die men nodig heeft naarmate onze kundigheden en onze vermogens vooruit gaan.

Maar daarenboven is deze taal levend, want zij is werkelijk de taal van een levend volk. De taal heeft hier het volk gevormd en uitgebreid, dat haar als zijn nationale taal beschouwt.

De Esperantisten vormen wel degelijk een volk, want zij hebben onder elkaar onderlinge banden, die van dezelfde aard zijn, als die welke landgenoten dichter bij elkaar brengen. Behalve een gemeenschappelijke taal, die het machtigste verbindingsteken is, bezitten zij nog een zeer hoog ideaal, de verbroedering der volken, die elkaar eindelijk begrijpen. Zij hebben ook een reeds lange geschiedenis, waarin de herinneringen aan beproevingen, strijden en successen verenigd zijn, alsook namen van apostels, die hun dierbaar zijn om de opofferingen die zij zich hebben getroost en om de werkzaamheden die zij hebben vervuld. Eindelijk bezitten zij een oorspronkelijke litteratuur, die elke dag rijker wordt, alsook de wil om de wereld een der weldoende middelen tot vooruitgang te bezorgen.

Een Esperantist heeft het zeer klaar begrip toe te behoren aan een collectiviteit die zo goed afgebakend is als zijn eigen natie; hij is bewust een tweede nationaliteit te hebben, dien hem even dierbaar is als de zijne, en dat geeft aan de Esperanto-vergaderingen een karakter dat niet-geïnitieerden niet begrijpen, die verwonderd zijn de vlag te zien en het hymne te horen, die als verenigingssein dienen aan de propagandisten van een taal, instrument dat nochtans op eerste zicht weinig van aard schijnt om enthousiasme uit te lokken.

Deze mentaliteit der Esperantisten heeft een hoogst belangrijk gevolg, hun gehechtheid aan het integraal behoud van Esperanto, wat een noodzakelijke voorwaarde is tot het ogenblik waarop het door een internationale overeenkomst der regeringen zal gewaarborgd zijn. De Esperantisten houden inderdaad aan hun taal, even hardnekkig als een natie aan de hare.

Deze levenskracht van Esperanto geeft het niet alleen een uitbreidingskracht en een uithoudingsvermogen tegen de aanvallen, die er het behoud en de ontwikkeling van verzekeren, maar ook het middel om te blijven voortbestaan, zolang als de talen die het tot basis dienden, want de principen, volgens dewelke het gebouwd is, laten het toe de evolutie dezer talen te volgen en er de elementen uit te putten, die zijn vitaliteit behouden en de nodige middelen bezorgen om zijn eigen bestaan te verzekeren.

---

## ESPERANTISTOJ, POR VI

**la radio-stacioj disaŭdigas en Esperanto. Aŭskultu ilin, kaj skribu al la stacioj.**

---

# POUR LES INTELLECTUELS

Dans un paquet de vieilles brochures, nous venons de trouver deux numéros (1 et 3 de 1926) de l'« Engineering Progress », revue publiée à Berlin, en langue anglaise. L'un et l'autre contiennent un article en esperanto.

Nous voyons ainsi qu'avant le régime hitlérien, la langue auxiliaire internationale était en faveur en Allemagne. Malheureusement, le nazisme puis la grande tragédie ont arrêté le progrès. Dans les autres pays, durant les années 1940-1945, aucune avance n'a pu être réalisée; mais ensuite le mouvement a repris partout, notamment en Allemagne occidentale.

Actuellement, le besoin de la langue auxiliaire se fait de plus en plus sentir, vu la multiplication des conférences internationales et des complications linguistiques qui s'y produisent; l'interprétation des discours (malgré le « système simultané ») et la traduction des documents produisent, notamment à l'O. N. U., un véritable embouteillage. D'autre part, le chauvinisme linguistique donne lieu, non seulement à l'O. N. U., mais aussi dans d'autres organisations, à des manœuvres qu'on peut dénommer « stratégiques » pour obtenir « l'égalité des langues ». Ces manœuvres sont menées par des « grandes langues », mais on a déjà entendu l'Arabe faire valoir ses droits. Et ensuite, lorsque les « grandes langues » (où s'arrêtera la définition ?) auront obtenu satisfaction, en augmentant encore les complications, faudra-t-il que les « petits » continuent, au risque de n'être pas compris, de balbutier en une langue étrangère l'expression de leur opinion et la défense de leurs intérêts ?

Aveugles sont les intellectuels, philologues ou autres, qui se figurent qu'il n'est pas de leur dignité de s'intéresser à l'Esperanto, et qui, a priori, sans étude directe et complète de la question, ignorent l'abondante littérature publiée en Esperanto sur les sujets les plus divers, depuis plus de soixante ans, et qui s'enrichit chaque jour, déclarent que l'Esperanto est une utopie. Aveugles sont les intellectuels qui se disent : « Moi, je n'ai pas besoin de ça; que les autres se débrouillent. » Il y a soixante ans, les intellectuels de même profession que ceux qui « n'ont pas besoin de ça » n'avaient pas besoin du téléphone, ni de l'automobile.

Tout intellectuel n'est pas appelé à être délégué à des conférences internationales, où les intérêts de son pays sont en jeu; mais il peut lui être utile d'assister à des congrès internationaux intéressant sa profession, de comprendre tout ce qui s'y dit, et de pouvoir y dire son mot de façon à être compris. Il peut lui être utile d'être mis au courant des progrès réalisés à l'étranger dans le domaine de sa profession, sans attendre des traductions, rares et tardives, dans sa langue maternelle. Il serait bien plus simple de faire partout une seule traduction, en Esperanto, ce qui, en outre, serait beaucoup moins coûteux.

Si tous les intellectuels voulaient bien s'intéresser à l'Esperanto, et l'apprendre, ce qui est énormément plus facile qu'étudier une langue étrangère, ils rendraient un grand service à l'humanité, et à la Belgique en particulier. Dans d'autres pays, la Hollande, le Danemark, la Suède, la Norvège, l'Islande, l'Angleterre (malgré un chauvinisme linguistique bien connu), on s'intéresse plus à l'Espéranto qu'en Belgique. Les Belges sont un peu frondeurs, mais on a constaté, à propos des calamités dont est affligé le monde d'après-guerre, qu'ils sont altruistes. Sans qu'il leur en coûte grand'chose, ils peuvent donner cours à leur altruisme en étudiant l'Esperanto.

B. E.

NIA VOĈO — ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTO —

1a Jaro — Februaro 1951 — N-ro 3a

## MERCI AUX ANCIENS

Et voici notre troisième numéro de « Nia Voĉo ».

Que de progrès en si peu de temps, nous direz-vous, chers lecteurs. Quelle différence avec nos deux premiers numéros tirés au plano.

Que nos aînés, les « anciens » Espérantistes depuis dix, vingt-cinq, quarante ans ou plus, trouvent ici tous nos remerciements pour leur aide précieuse, tant morale que financière.

Qu'ils sachent bien que nous, les jeunes, saurons nous montrer dignes de leur confiance, et saurons suivre la voie vers la victoire de l'Espéranto, sur laquelle ils nous précèdent.

Et plus tard, à notre tour devenus « anciens », nous n'oublierons pas leur exemple, et continuerons dans les traditions de notre mouvement, la lutte pour l'adoption finale de notre belle langue.

LE COMITE DES JEUNES.

## DANK AAN DE OUDEREN

Hierbij ons derde nummer van « Nia Voĉo ».

» Wat een vorderingen in zo weinig tijd, zult U ons zeggen, waarde lezers ! Welk een verschil met onze eerste twee gestencilde nummers.

Dat onze « ouderen », Esperantisten sedert tien, vijf en twintig, veertig of meer jaren, hier onze dank vinden voor hun waardevolle hulp, zowel moreel als financiëel.

Laten we wel weten, dat wij, de « jongeren », ons hun vertrouwen waardig zullen weten te tonen, en de weg zullen weten te volgen in de geschiedenis van Esperanto, op welke zij ons voorgaan.

En later zullen wij, op onze beurt « ouderen » geworden, hun voorbeeld niet vergeten en, volgens de gewoonten in onze beweging, de strijd voor de uiteindelijke aanvaarding van onze mooie taal voortzetten.

HET COMITE DER JONGEREN.

## AMI LECTEUR

Sais-tu qu'en 1922 fut fondé en Belgique un groupement aux activités passionnantes, qui a nom la Section des Jeunes de l'Espéranto ?

Sais-tu que, dissoute au moment de la guerre, ses activités étant interdites par l'occupant, cette Section des Jeunes vient de se reformer récemment ?

Sais-tu que les membres de cette Section des Jeunes correspondent avec des groupements identiques dans toutes les parties du monde ?

Sais-tu que les membres de ce groupement visitent ces différents pays à l'occasion de congrès, voyages, etc., qui sont des expériences inoubliables ?

Sais-tu qu'à ces congrès on rencontre et

## VRIEND EN LEZER

Weet je, dat in 1922 in België een groep gesticht werd die een levendige werkkracht aan de dag legde, onder de naam van « Jeugdafdeling der Esperantobeweging »?

Weet je dat deze Jeugdafdeling, ontbonden tijdens de oorlog, omdat haar werkzaamheden door de bezetter verboden werden, zich zo juist weer opnieuw gevormd heeft ?

Weet je dat de leden van deze Jeugdafdeling briefwisseling onderhouden met gelijksoortige groepen in alle delen der wefeld ?

Weet je dat de leden van deze groep verschillende landen bezoeken bij gelegenheid van congressen, reizen, enz., en dat deze bezoeken onvergetelijke proefnemingen zijn ?

Weet je dat op deze congressen duizenden jongelieden uit allerlei landen gekomen elkaar

coudoie des milliers de jeunes venus de tous pays: des Arabes, des Patagons, des Esquimaux, des Américains, des Hongrois, des Chinois, des Peaux-Rouges, etc. ?...

MAIS, me diras-tu, ce n'est pas intéressant, PUISQU'ON NE SE COMPREND PAS.

ERREUR...

Seule leur apparence extérieure diffère de la tienne, et si parfois tu te diras : « Celui-là, pas d'erreur, c'est bien un Chinois, avec sa peau jaune et ses yeux bridés. Impossible de lier conversation avec lui. A moins que par gestes ? »

RE-ERREUR...

Car tous parlent la même langue : l'ESPERANTO.

Cela commence à t'intéresser. Tu est boy-scout, tu es Croix-Rougiste, membre des Auberges de Jeunesse, ou d'un des innombrables mouvements de ce genre... Tu commences à apercevoir les possibilités, les horizons que la connaissance et l'emploi de l'Espéranto peuvent t'ouvrir.

Si cela t'intéresse, mets-toi en rapport avec nous. Viens te renseigner. Ecris-nous pour recevoir quelques renseignements, quelques publicités... Cela ne te coûtera que le timbre pour ta carte postale.

MIEUX. Fais-toi membre. Si tu as moins de dix-huit ans, comme « kadeto », et de dix-huit à vingt et un ans comme « junulo ».

Et ne crains rien, nos activités n'empiètent nullement sur celles du mouvement dont tu pourrais déjà faire partie.

J. v. h. V.

ontmoeten en vriendschappelijk met elkaar omgaan : Arabieren, Patagoniërs, Eskimo's, Amerikanen, Hongaren, Chinezen, Roodhuiden, enz ?...

MAAR, zult je me zeggen, dat is niet interessant, want men begrijpt elkaar niet.

MIS...

Alleen hun uiterlijk verschilt van het jouwe, en als je soms in je zelf zult zeggen : « Die daar, geen vergissing mogelijk, dat is zeker een Chinees, met zijn gele huid en zijn spleetogen. Onmogelijk een gesprek met hem aan te knopen. Hoogstens door middel van gebaren. »

OPNIEUW MIS...

Want allen spreken dezelfde taal : het ESPERANTO.

Dat begint je te interesseren. Je bent padvinder, je bent lid van 't Rode Kruis, lid van de Jeugdherbergcentrale of van één der ontelbare bewegingen van dat soort... Je begint de mogelijkheden te begrijpen, de horizonten die zich voor je openen door de kennis en het gebruik van Esperanto.

Als dit je belangstelling wekt, stel je in verbinding met ons. Ga je op de hoogte stellen. Schrijf ons om inlichtingen te ontvangen, enige drukwerken... Dat kost je niets dan de postzegel voor je briefkaart.

BETER NOG. Wordt lid. Als je minder dan achttien jaar bent, als « kadeto », en van achttien tot een en twintig als « junulo ».

En wees niet bang, onze handelingen grijpen op geen enkele manier in op die van de beweging, waarvan je misschien reeds lid bent.

J. v. h. V.

## AVIS AUX JEUNES

Il reste encore quelques places de délégués.

Si cela intéresse l'un de vous, qu'il se mette en rapport avec notre secrétariat provisoire : Section des Jeunes, 78, avenue Marie-José, Bruxelles W. S. L.

## BERICHT AAN DE JONGEREN

Er blijven nog enkele plaatsen over voor afgevaardigden.

Als één van U daar belang in zou stellen, kan hij zich in verbinding zetten met ons voorlopig sekretariaat : Jeugdafdeling, 78, Marie-Josélaan, W. S. L.-Brussel.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO :

## Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».

La 1-an de decembro, S-ro Roger Jaumotte faris interesan prelegon pri « Henri Dunant », la pioniro de la Ruĝa Kruco, kies vivo, plena je aventuroj kaj okazaĵoj, estis vigle kaj vive pritraktata.

La sekvantan vendredon, pli ol cent Verdstelanoj, lernantoj de la kurso kaj familianoj kaj amikoj vizitis la grrrandan Pulĉinelan Kelon, kiu estis preskaŭ tro malgranda por enteni ĉiujn... Je la paŭzo, tiuj, kiuj estis sidantaj, estis petataj fari lokon por tiuj kiuj, starante... preskaŭ nenion povis vidi... sed multe tamen povis aŭdi, i.a. tre ritman prologon de S-ro Vermuyten en Esperanto kaj duan, en flandra lingvo, dum kiu la plej gravaj gemembroj de la Grupo aperis sur la scenejo... Post la prezentado ĉiuj iris, kiel ili alvenis, sekvantare kaj kun muzikisto antaŭe, al la trinkkelo de la fama « Rocox »-domo, kie ili amuziĝis ĝis en tre fruaj horoj.

La S-ta Nicolaa-festo iĝis gaja sukceso, dank'al la belaj premioj, kiujn multaj gemembroj alportis.

La 15-a kaj la 16-a de decembro estis okazoj por festi la Zamenhoftagon : vendrede, okazis la honorigo mem de nia Majstro, kun la kunlaboro de S-roj Verstraeten kaj Verhoeven, kiuj bonege, per duvoĉa legado de interesaj tekstoj pri aŭ de D-ro Zamenhof, sukcesis krei bonegan atmosferon, kiun la prezidanto, per tradicia parolado, estis ekvekinta.

Sabaton, en la salono de la 2a etaĝo, okazis speciala vespero, organizita de la F.K.I.-komitato kaj dum kiu S-ro Jaumotte, prezidanto, bonvenigis la samideanojn el diversaj grupoj, kiuj tute plenigis la atmosferplenan salonon. Li prezentis F-inon Tusveld, nederlandan esperantistinon, kiu vivis dum iom longa tempo en Japanujo kaj kiu, vestita kiel orientulino, alportis al ĉiuj plej variajn informojn pri la vivo en Japanujo; variajn kaj allogajn, ĉar estis ĉiuj faktoj, kiujn neniu estis antaŭe leginta en iu libro pri tiu lando. Ŝi agrabligis sian paroladon per aŭdigado de aŭtentikaj diskoj en japana lingvo kaj per plej ĉarma kantado. Ŝia sukceso estis tiel granda, kiel meritita.

Vendredon, la 22an, S-ro Sielens faris sian unuan prelegon, el serio pri la Esperanto-Literaturo. Li akiris tre belan sukceson per sia elvoko de la figuroj de diversaj pra-uloj el la literaturo de nia lingvo kaj s-roj Jaumotte, patro kaj filo, alternigis la klarigojn tre detalajn de la paroladisto, per legado el verkoj de niaj unuaj kaj plej eminentaj poetoj kaj aŭtoroj.

La 29an, sekvis la Kristnaskfesto kiu, dank'al la laboro de la festestrino F-ino H. Toussaint kaj de ŝia fratino S-ino Bernaerts, iĝis unu el la plej agrablaj, inter ĉiuj, kiujn jam ĝuis la gemembroj. Al la efektivigo de la programo partoprenis : S-ro Vermuyten, kiu deklamis, same kiel S-ro Verstraeten; F-ino Meulemans, kiu pianoludis; S-ino Bernaerts kiu, helpata de « lernantaro » : F-inoj Toussaint, De Winter kaj Meulemans kaj de S-ro Schellekens — skizis kaj rekreis la atmosferon de leciono, donata de la Prezidanto, kiu mem multe ridis pro la bonega imitado; S-ro Verhoeven, kiu estis la speaker kaj la senlaca muzikaŭdiganto de la vespero, S-roj Roger Jaumotte kaj Henri De Hondt, kiuj, per amuzaj skeĉoj, apartigis la diversajn kantnumerojn de la junulara horo. Premio-tombolo duspeca kaj intima dancado kompletigis tiun neforgesblan vesperon, kiu, siavice, ankaŭ kompletigis plej dece, viglian laborjaron.

La unua kunsido en 1951 estis okazo por la prezidanto por bondeziri al ĉiuj: kaj por F-ino Mathilde Hofkens, por paroladi, — malgraŭ ĉio — pri « Optimismo »... Kaj kiu ŝin konas, scias ke la temo elektita de ŝi estas tute ne kontraŭa al ŝia propra vivsintenado... Kaj ŝi akiris longan dankaplaŭdon.

La 13an de Januaro sekvis, dum la jarfesteno, honorigo de S-ro Georges Van den Bossche, pri kiu aperas raporto aparte.

La 20an : Solena jarkunsido, dum kiu la

pli ol ordinara, multmembra ĉeestantaro aŭdis paroladon de la Prezidanto kiu dankis ĉiujn siajn kunlaborantojn kaj alvokis ilin al nova, ankoraŭ pli vigla laboro, por ke « La Verda Stelo » denove kaj rapide reestu ĉe la pinto en la nacia movado. Poste la sekretario, S-ro Verstraeten kaj S-ro Sielens, kasisto, legis siajn raportojn, kiuj estis aprobataj; kaj tiam sekvis la honorigo de la gejubileantoj : F-ino Maria Jacobs, S-ino Blanche Vermuyten-Lacroix kaj F-ino Yvonne Van der Veken, kiuj estas membrinoj de 25 jaroj, kaj F-ino Jeanne Loquet kaj S-ro Henri Sielens, gemembroj de 20 jaroj. Al la unuaj, la prezidanto transdonis la arĝentan medalon de la grupo; al la aliaj duan stelon sur la rubando de la bronza.

Post la gratuloj al ĉiuj, S-ro Faes aldonis, nome de membraro, amikan dankvorton honore de la Prezidanto kaj de S-ino Jaumotte.

Fine S-ro Verstraeten estis alelektata en la laŭleĝan administrantaron de la societo sen profita celo « La Verda Stelo ».

Kaj la konkludo de la unua monato de tiu ĉi jaro estis diskutvespero, enkondukata de S-ro Vermandere, pri « La Amo tra la Jarcentoj ».

*Programo de la venontaj kunsidoj.*

Kunvenoj ĉiuvendrede je la 20,30a h. en la salono (1a-etaĝo) de « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4 :

Vendredon, la 2an de Februaro : Karnaval-atmosfero : Ĉiu legu, deklamu aŭ rakontu ion, kio rilatas al la Karnaval-festado, ĉu ĉe ni, ĉu en aliaj urboj aŭ landoj.

Dimanĉon, la 5an, je la 19a horo, KOSTUMITA KARNAVAL - BALO por la gemembroj, la gelernantoj kaj familianoj.

Vendredon, la 9an : Parolado de S-ro A. Faes pri « Nia Historio inter 1810 kaj 1830 ».

Lundo, la 12an : Fino de la kurso de S-ro Jaumotte (ekzameno) kaj komenciĝo de NOVA ELEMENTA KURSO, ankaŭ per rekta metodo gvidota de li.

Vendredon, la 16an : DIPLOMDISDONO al la ekzamenitoj diplomitaj. Filmprezentado de S-ro Van Eynde.

Vendredon, la 23an : Amuza Vespero.

Vendredon, la 2an de Marto : Dua parolado de S-ro Sielens pri la Esperanta Literaturo.

Vendredon, la 9an : Diskutvespero.

Vendredon, la 16an : Parolado de F-ino Hélène Hofkens.

Vendredon, la 23an : SANKTA VENDREDO. Malgranda speciala manĝo, kun rakontoj, legadoj aŭ deklamadoj pri Pasko, pri la sonorilara vojaĝo al Romo kaj la ĉokoladaj kaj aliaj ovoj...

Vendredon, la 30an : Parolado de S-ro Maur. Jaumotte pri « Danlando ».

BRUSELO :

## Esperantista Brusela Grupo.

Dum Decembro 1950 kaj Januaro 1951, malgraŭ le veteraĉo kaj la gripo, ni sukcesis plenigi nian anoncitan programon. La plej grava estis nia Zamenhofa vespero. Ĝi konsistis el : legado, de la Prezidanto, de la dua ĉapitro de « Vivo de Zamenhof » de E. Privat, teorio pri versaĵo, kaj deklamo de « La Vojo », de S-ro De Kegel, legado, farita de 9 gesamideanoj de « Interparolo kun busto de Zamenhof » de Emilja Lapenna, legado de belaj poemoj de S-ro Genin, de li mem verkitaj. Poste, okaze de la librotago, kelkaj esperantistaj literaturaĵoj estis de la ĉeestantoj aĉetitaj, kaj oni disiras kun la sento ke Esperanto ja vivas.

Ĉiulunde, la Prezidanto kolektas eltranĉaĵojn de gazetoj, ne esperantistaj, kiuj aludas nian karan lingvon. Nia gazetara servo bone funkcias.

Dudek bruselanoj havis la plezuron ĉeesti la belan kaj amikan festenon de la « Verda Stelo », (kiu okazis la 13an de Januaro, en Antverpeno) je la honoro de nia sindonema Georges Van den Bossche..

*Programoj de la estontaj kunvenoj.*

Ĉiulunde, je 20 h. 30. Ejo : Brasserie St Martin, Place du Grand Sablon, 38, Grote Zavel plein.

Februaro : la 5an, Parolata jurnalo; la

12an, S-ino Castel, « Karnavalaj dolĉaĵoj; la 19an, S-ro Loeckx, Kantvespero; la 26an, S-ro Sengel, Ludvespero.

Marto : la 5an : Parolata ĵurnalo; la 12an, S-ino Sengel « Astrologio »; la 19an, S-ino Staes, « Orhestro kaj ĝiaj instrumentoj »; la 26an, Paskaj festoj, ne okazos kunveno.

Aprilo : la 2an : Parolata ĵurnalo; la 9an, S-ro Van der Stempel, « Artefaritaj havenoj »; la 16an, S-ro Verdier, « Submaraj esploradoj »; la 23an, S-ro Genin, « Miaj tradukoj »; la 30an, S-ino Stern, teatraĵeto « La Saluĵo » kun F-ino Kestens kaj S-ro Jirousek.

Majo : la 7an, Parolata ĵurnalo; la 14an, Pentekosto, nia nacia kongreso en Bruselo; la 21an, F-ino Oboziniski, « Amo kaj kuirarto ».

BRUĜO :

## Bruĝa Grupo Esperantista.

La 26an de septembro, S-ro Jan De Vriendt antaŭlegis pri « Bavarujo kaj München, loko de la 36a Universala Kongreso », kie li pasigis sian libertempon. La 14an de oktobro, en « Tabarin » okazis la unua balo de tiu ĉi vintro, honorigata per la ĉeesto de la Liga Prezidanto kaj de S-ino Kempeneers, ankaŭ de S-ino Schools (Antverpenq) kaj de kelkaj aliaj eksterurbaj samideanoj. Ĝi brile suksesis je ĉiuj vidpunktoj kaj daŭris ĝis la 3-a matene en plej gaja atmosfero. Nova kurso malfermiĝis la 24an de oktobro kun tre kontentiga nombro da gelernantoj, inter kiuj kelkaj varbitaj dum la balo. Tiu nombro ankoraŭ pligrandiĝis dum la sekvantaj semajnoj. Disaŭdigo de diskoj estis organizata la 31an de S-roj P. Jadem kaj G. Groothaert. Delegitaro de la grupo kun la flago partoprenis la 5an de novembro en la funebra sekvantaro ĝis la Milita Tombejo. Filmvespero okazis en la grupejo la 28an de novembro, diversaj dokumentaj kaj amuzaj filmoj estis prezentataj. Aldona surprizo estis la filmo pri la kongreso de Spa, farita kaj afable pruntedonita de S-ro Pierre Piron el Namur kaj kiu vekis grandegan intereson. La 5an de decembro, post la 7a leciono kaj okaze de la festo de S-ta Nikolao, la multnombraj ĉeestantoj amuziĝis per dislotado kaj laboriga elpakado de nekonataj premioj alportitaj de la membroj mem. Finjara vespermanĝo okazis la 26an de decembro. Multnombraj gemembroj kaj novaj gelernantoj ĉeestis ĝin kaj post tiu bongusta manĝofesteto, amuziĝis per kuna kantado, dancado kaj prezentado de gajaj societaj ludoj. La 9an de januaro, F-ino Isabelle Van Parys interese antaŭlegis pri « Sukerfabrikado » kaj fine la 16an de januaro okazis la jara ĝenerala kunveno de la grupo dum kiu la komitato de 1950 estis reelektata por nova jaro.

*Programo de la venontaj kunsidoj* :

Ordinara kunveno : ĉiumarde je la 20a, en la sidejo : « Gouden Hoorn — Cornet d'Or ». La unua horo de ĉiu kunveno estos dediĉata al la kurso, la dua horo al plenumo de jena programo : Januaro 30an : Kanta vespero. Februaro 3an : sabaton : En la Dancejo « Tabarin » dua vintra balo por la membroj kaj apogantaj membroj, de la 21a ĝis la 3a, urbaj vestaĵoj. Mardon 6an : raportado pri la balo. 13an : Humoraĵoj. 20an : Debato : Por aŭ kontraŭ karnavalo. 27an : Kanta vespero. Dum marto : 6an : « Crochet » vespero; 13an : Portretludado; 20an : Debato: Por aŭ kontraŭ ĝazmuziko; 27an : Kanta vespero. Dum aprilo : 3an : « Crochet » vespero; 10an : Humoraĵoj. 17an : Esp. kantoj; 24an : Likvido de la Kongresa Ŝparkaso.

## Honorigo.

S-ro Ch. POUPEYE, Prezidanto de Reĝa Bruĝa Grupo Esperantista, estis nomata oficiro en la Ordeno de la Krono. Korajn gratulojn.

VERVIERS :

## Verviersa Grupo Esperantista.

La loka grupo sin reorganizis kaj kunvenas regule ĉiumerkrede alterne, je la 20a, ĉe « Kafejo du Vieux Brasseur », rue Xhavée. Proksimaj kunvenoj : la 7an kaj 21an de Februaro kaj Marto, la 4an kaj la 18an de Aprilo. Ĉiu samideano estas kore invitata.

## EN LA ESPERANTISTA FAMILIO...

BRUSELO. — Naskiĝis filineto Renildis ĉe Ges-roj Loeckx-Vandendriessche, la 6an de Aŭgusto 1950.

CHARLEROI. — S-ino Quinet anoncis la edziniĝon de sia filino.

MONT-SUR-MARCHIENNE. — S-ro Emile Severin anoncis la naskiĝon de filo.

## NEKROLOGO

S-ino Alice VANDERBILT-MORRIS mortis la 15an de Aŭgusto 1950 en Usono.

De 1933 ĝis 1937, ŝia edzo, S-ro Dave Hennen-Morris estis ambasadoro en Belgujo. Dum multaj jaroj ŝi interesiĝis pri Esperanto kaj monsubtenis diversajn sciencajn laborojn pri nia lingvo. Dum ŝia restado en Bruselo, ŝi ĉiam amike rilatis al la Esperantistoj, kiujn si diversfoje akceptis en la ambasadorejo. Ni konservos ŝian memoron kun danko.

Ni eksciis pri la forpaso de malnova membro de Belga Ligo, S-ro Bruno HOFFMANN, el Bruselo. Al lia tuta familio, ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn.

La unuan de Januaro mortis Sinjorino TIMMERMAN, patrino de nia Gent'a samideano Jacques Timmerman. Ni prezentas al li niajn simpatiajn kondolencojn.

Ni ankaŭ eksciis pri la morto de la patro de S-ro Mathieu GUYOT, en Cheratte (Lieĝo) kaj pri tiu de la patro de S-ro Marcel JIROUSEK, ambaŭ membroj de Brusela Grupo. Al la familioj de niaj du samideanoj iras niaj plej sinceraj kondolencoj.

## KORESPONDETO

— F-ino S. OBOZINSKI, delegitino de U.E.A. por instrua fako, kaj delegitino de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (I.L.E.I.), estus dankema al la esperantistaj geinstruistoj kiuj sendus al ŝi 364, avenue Brugmann-Uccle, nomojn kaj adresojn de gekolegoj. Ŝi speciale deziras interrilati kun infanĝardena instruistino, kiu povus helpi ŝin por respondi al franca juna samideanino el Melun. Tiu samideanino sendis demandaron, necesa por prepari tezon pri « organizo kaj metodoj de edukado kaj instruado de 2-7jaraj infanoj en la tuta mondo ». Tiu demando estas interesa je propaganda vidpunkto, ĉar la petantino sciigos ke ŝi akiris informojn pere de Esperanto.

Se eble, ŝi volonte ricevus infandesegnaĵojn.

— Koresponda servo de G.E.E. — Perantino S. GAILLARD, Château Larcher, par Vivonne (Vienne) Francujo: petas pri adresoj de belgaj samideanoj kiuj volas korespondi kun francoj.

— S-ro T. IWATUKA, 5 banchi, 1 Chome, Showa-ku, NAGOYA (Japunujo), deziras korespondi kun medicina studento aŭ studentino. Li mem estas studento ĉe Nagoya Universitato.

## 36a Universala Krongreso de Esperanto en München (4/11-8-51).

Ni rememoras al la partoprenontoj kiuj ne ankoraŭ sendis sian aliĝon al la kongreso ke la nunaj kotizoj estas :

Kongresano : 245 fr. belg. Edzino (aŭ ezdo) de kongresan(in)o, 125 Junuloj, ne pli ol 30 jaraj : 80.

Rapidu sendi vian aliĝilon ĉar tiuj kotizoj nur valoras ĝis la 31a de Marto. Post tiu dato, la kotizoj estos pli altaj. Vi do profitu la nunajn kondiĉojn...

Ĝis la 12a de januaro 1951, jam enskribiĝis 850 personoj, el 26 landoj. La Kongreso promesas renkonti tre grandan sukceson kaj kunigi amason da geesperantistoj.

Aliĝilojn oni ricevas de R. B. L. E.

---

ALVOKO !

Ĉiuj esperantistaj organizaĵoj kaj unuopuloj estas petataj, sciigi la adresojn de sialandaj parlamentanoj *esperantistaj*. Koncernas ricevi superrigardon, en kiuj landoj jam estas parlamentanoj, kiuj parolas nian lingvon. Respondojn bonvolu direkti al Dietrich Keuning, parlamentano Deutscher Bundestag, Bonn, Germanujo.

# NIA VOĈO

DUMONATA GAZETO

1a Jaro - N-ro 3a
- Februaro 1951 -

FONDITA
1922

ORGANO DE LA JUNULARA SEKCIO
DE
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA
A. S. P. C.

ADRESO : 24, rue de la Paille, BRUSELO

Respondeca redaktoro : J. Verdier.


Simplifier tous ces cadrans au moyen d'un seul cadran auxiliaire : « REVE » du pilote.

Al deze wijzerplaten door middel van een enkele hulpwijzerplaat vereenvoudigen : « DROOM » van de piloot.



Supprimer les barrières linguistiques au moyen d'une seule langue auxiliaire : « REALITE » par l'Esperanto.

De taalbarrières door middel van een enkele hulptaal verwijderen : « WERKELIJKHEID » door Esperanto.

**Adhérez à notre « Section des Jeunes »**

**Treed toe tot onze « Jeugdafdeling »**

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijk Antwerpen.
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie-José, Woluwe-Saint-Lambert-Bruselo.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... fr. 80
*Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... ... ... ... ... 40

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la internacia organizaĵo :
a) *Membro kun Jarlibro* :
kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon .. ... ... 115
b) *Membro Abonanto* :
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto »... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 170
c) *Membro Subtenanto* :
kiel membro-abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1537.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

## BELGA ESPERANTO INSTITUTO Koopera Societo

**Originala Verkaro de D-ro ZAMENHOF,** lukse bindita ... ... ... fr. 152,—
**Fundamenta Krestomatio**... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 80,—
**ISBRUECKER : Historio kaj Organizo de la Esperanto-movado** ... ... 17,—
**PRIVAT : Historio de Esperanto,** du volumoj, kartonitaj, kune ... ... 54,—

Ankaŭ ĉiujn aliajn Esperanto-eldonaĵojn oni povas mendi ĉe **Belga Esperanto-Instituto, 26, Oostenstraat, Antverpeno.**

Pagu la sumon al poŝtĉekkonto 1689.58 kaj indiku la objekton de la mendo sur la dorsflanko de via pagilo.

Belga Esperanto-Instituto akceptas abonojn al eksterlandaj Esperanto-gazetoj.

Imp. LIELENS, s.p.r.l., 18, rue de la Princesse, Brux. — Tél. 21.10.98